Jaro 12 Decembro 1960 N-ro 8



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

**Sekretariejo : Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando**

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



„Casino del Parque" nia Kongresejo

## AL BARCELONA

La unuaj komunikoj pri la organizado de nia 13-a kongreso jam atingis nian sekretarion. Kun granda entuziasmo la raportanto de LKK sciigas pri la laboroj faritaj kaj pri tio kio ankoraŭ estas farenda.
Ni eksciis ke LKK streĉe laboras, ĉar rapidas la tempo.
Belaj glumarkoj menciantaj nian proksiman kongreson jam nun estas pretaj kaj LKK sendis ilin al la landaj organizoj. Espereble niaj membroj abunde ilin uzos por konigi tra la mondo, ke aktiveco regas en nia movado kiu jam dum multaj jaroj uzas esperanton por ĝiaj fakaj celoj.
Sendube la vasta aplikado de la bela glumarko altiros multajn el niaj membroj al Barcelona, kie ni antaŭvidas brilan kongreson.
La aktiva laborado de LKK supozigas multnombran partoprenon, tiom pli ĉar multaj el ni ŝatas viziti en ilia hejmlando niajn hispanajn amikojn kiuj per sia bonega propagando de la lastaj jaroj altiris konsiderindan nombron da novaj adeptoj al nia movado.
Sub la gvido de nia simpatia amiko Saladrigas kaj liaj helpantoj, nia fervojista movado bonege floras en Hispanio, kaj estas tute kompreneble ke ni sopiras al la momento, kiam ni povas saluti la novajn kaj malnovajn amikojn en ilia propra lando.
Ni forte esperas ke ĉiuj landoj, aliĝintaj al IFEF sendos siajn reprezentantojn al nia 13-a kongreso. Ni ja venas laŭ invito de niaj amikoj, kaj al ili ni deziras iri. Neniam ni demandis kaj neniam ni demandos pri la politika konstelacio de la landoj kie ni kongresas. Sendube multaj el niaj membroj havas sian koncepton pri la maniero laŭ kiu la mondo devas esti regata: aklamas la socian ordon de unu ŝtato, forĵetante la ordon de aliaj landoj. Tamen tiuj sentimentoj ne devas ludi rolon en nia fervojista esperantista movado en kiu ni ĉiuj libere kunlaboras kun amikoj el ĉiuj landoj, kiel homo kun homo.
Sendube la tasko por organizi nian kongreson ne estas facila por niaj hispanaj amikoj, kaj nia sekretario image baraktas kun ili por atingi plej bonajn rezultatojn. Kun respekto por tio, kion ili jam nun atingis, ni deziras forton kaj laboremon ankaŭ por la venontaj monatoj, por ke ili povu prezenti al la IFEF-familio brilan kongreson en kiu, kiel ĉiam ĉefan rolon ludas la granda amikeco. Al tiuj, kiuj ĝis nun ankoraŭ ne havis definitivan planon ĉeesti en Barcelona, ni konsilas: plenigu la aliĝilon tuj kiam ĝi atingas vin, ĉar sendube la disponeblaj lokoj rapide estos okupitaj. **Vi nepre ne manku en Barcelona!**

La prezidanto de IFEF.

## EL LA REDAKTEJO

Ni tro malfrue ricevis informojn pri diversaj aranĝoj, okazontaj en decembro, por enpresigi ilin en la oktobra numero de nia organo. Anoncado en la nuna eldono ne plu utilus. Interesuloj bonvolu atenti ke L.I.F. aperas nur alternmonate.

## LA 13-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO




BARCELONO, Hispanio, 6 ĝis 11 majo 1961.

Adreso: 13-a IFEF-kongreso, Estación Termino, R.E.N.F.E. Barcelono.

Kongresejo: Casino del Parque de la Ciudadela.

Bankkonto: 13-a Fervojista Internacia Kongreso de Esperanto, Banco Exterior de Espana, Barcelono, Hispanio.

Protektata de la Sindikata Fako „Educación y Descanso".

### INFORMILO N-RO 2

**Honora Komitato**

S-ro José Solis Ruiz, Ministro Ĝenerala - Sekretario de la Movado;
S ro Agustin Plana Sancho, Prezidanto de la Fervoja Administracia Konsilantaro;
S-ro Felipe Acedo Colunga, Provincestro de Barcelono;
S-ro José Ma de Porcioles, Urbestro de Barcelono;
S-ro Joaquin Bouxó de Albaigar, Prezidanto de la Provinca Deputitaro;
Generalo Angel Gonzales de Mendoza, Komandanto de la urba garnizono;
S-ro Juan Estevez, Polica supera ĉefo;
S-ro Vicente García Ribes, Ĉefo de la Transporta Sindikato;
S-ro José Ma Perxés, Direktoro de la 5-a Terzono de R.E.N.F.E.
S-ro José Ma Gutierrez del Castillo, Nacia ĉefo de la Sindikata Fako „Educación y Descanso";
S-ro Salvador Montagut Cuadrat. Inĝ. Dip., Ĉefo de la Inspektora Divizo de R.E.N.F.E.;
S-ro Manuel Alonso Gonzalo, Ĉefa Poŝtadministranto de Barcelono;
S-ro Gonzalo Turull Moragas, Direktoro de la Kataluna Fervoja Kompanio;
S-ro Manuel Sancho Vecino, Provinca Ĉefo de Sindikata Fako „Educación y Descanso".

## KONGRESA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| Sabate 6.V.: | 9 h. | Malfermo de la akceptejo kaj kongresejo. |
| | 17 h. | Kunveno de la LKK kaj de la IFEF-estraro. |
| | 18 h. | Terminara kunsido |
| | 21 h. | Interfratiĝa vespero. |
| Dimanĉe 7.V.: | 11 h. | Solena malfermo. Vizito al Gotika Kvartalo, kaj komuna fotografado. Posttagmeze libera. Eble estas kongresanoj kiuj deziras ĉeesti Taŭran Feston. |
| | 21.30 h. | Vizito al la grandaj lumfontoj ĉe la Montjuich Parko kaj Folklora Festo en Hispana Vilaĝo en la sama parko. |

| | | |
|---|---|---|
| Lunde 8.V.: | 10 h. | Fakprelego, poste kunveno de la fakprelega komitato. |
| | 15.30 h. | Redaktora kunveno. |
| | 17 h. | Estrara kaj delegitara kunveno. |
| | 21.30 h. | Amuza vespero. Filmprezentado. |
| Marde 9.V.: | 10 h. | Unua laborkunsido. |
| | 16 h. | Rondveturado. |
| | 22 h. | Internacia balo. |
| Merkrede 10.V.: | 10 h. | Dua laborkunsido. |
| | 16 h. | Vizito al fabrikoj kaj riparejo. |
| | 22 h. | Koncerto aŭ teatraĵo. |
| Ĵaŭde 11.V.: | 8 h. | Tuttaga ekskurso al Tarragona. Revenante ni haltos en Villafranca; vizito al la vin-muzeo, lunĉo kaj folklora vespero. Fermo de la kongreso. |
| Vendrede 12.V.: | | Matene eventuala ekskurso aŭ vizito. |
| | 21 h. | Enŝipiĝo de la kongresanoj kiuj vizitos Mallorca. |

## ĜENERALAJ INFORMOJ

**Kongreskotizo:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Kongresano:** | Antaŭ la 15-a de februaro | 200 pesetoj, | poste 240 pesetoj |
| **Familiano:** | „ „ „ „ „ | 130 „ | „ 145 „ |
| **Pensiulo:** | „ „ „ „ „ | 130 „ | „ 145 „ |
| **Simpatianto:** | | 60 „ | |

**Ekskursoj**

La kotizo por la tuttaga ekskurso estas 175 pesetoj. Ĝi inkluzivas lunĉon, aŭtobuson, tagmanĝon kaj lunĉon en Vilafranca del Panades kie ni haltos por viziti la Vin-Muzeon. La tiu-urba esperantistaro aranĝos amuzan kaj folkloran vesperon.

**Kiel pagi?**

La aliĝilo validas nur kun samtempa pago. Sendu rekte la kotizon al la bankkonto de la LKK. Se iu kongresano havas malfacilaĵojn por sendi la monon al LKK, oni pagu al la landa peranto.

**Korespondado**

LKK respondas nur esperantlingve.

**Prezoj de la ŝipveturado Barcelono—Palma de Mallorca**

1-a Klasa (kun lito) 398 pes. Turista klaso A (kajuto 2 litoj) 277 pes. Turista klaso A (kajuto 4 litoj) 242 pes. Turista klaso B (kajuto 2 litoj) 205 pes. Turista klaso B (kajuto 4 litoj) 170 pes. Turista klaso B (speciala seĝo) 140 pes. Ferdeko 102 pes.

**Flugmaŝino:** 340 pesetoj. Vojaĝdaŭro 40 minutoj.

**Provizora programo de la postkongresa vizito al Mallorca**

| | |
|---|---|
| Vendrede 12.V: | Enŝipiĝo. |
| Sabate 13.V.: | Matene je la 7-a horo alveno al Palma. Posttagmeze vizito aŭtobuse al la Kastelo kaj Arbaro Belver. Interfratiĝa vespero. |

| | |
|---|---|
| Dimanĉe 14.V.: | Matene Sankta Meso, fotografado, vizito al la urbdomo, malferma kunsido. Posttagmeze libera. |
| Lunde 15.V.: | Ekskurso al Pollensa (tra Alcudia). Inca. Kabo Formentor. Reveno vespere. |
| Mardo 16.V.: | Ekskurso al Monacor. Vizito al la grotoj de Drach kaj Porto-Cristo. Je la 21-a h. enŝipiĝo por reveturi al Barcelono. |

Se estas IFEF-anoj, kiu deziras resti en Palmar dum la tuta HEFA-kongreso, la programo estas: 17.V. ekskurso al Valldemosa, Miramar, Dey kaj Soller. En Soller oni celebros folkloran feston. 18.V. vizito al Cap de Mar, Andraitx, S'Arraco, San Telmo. 19.V. solena fermo de la kongreso. Bankedo.

**Prezoj de la hoteloj en Palma**

Hotelo 1-a kl. A: 230—260 pes.; 1-a kl. B: 175—210 pes.: 2-a kl.: 145—170 pes.; 3-a kl.: 130—145 pes.; pensiono: 95—145 pes. Ĉiuj prezojn estas po persono kaj po tago kaj inkluzivas tri manĝojn kaj la servmonon.

## IMPRESOJ PRI LA FERVOJISTA TAGO DUM LA UEA-KONGRESO EN BRUSELO

En la Centra Stacidomo de Bruselo tuj okulfrapis en la halo la ŝildo kun verdaj literoj en Esperanto anoncanta ke la UEA-kongreso estas en la belga ĉefurbo. Ankaŭ la vorto „Akceptejo" montris, ke post tiu ekrano troviĝas la fervora fervojista grupo de BEFA. Fervojistoj el diversaj eŭropaj landoj jam trovis tie unu la alian por havi interesan ekskurson dum la tuta tago.
Sur kajo en la stacidomo (la kajoj estas subtere) la grupo rigardis la multtrafikan trajnveturadon. Pli ol sescent trajnoj pasas ĉiutage. La internaciaj trajnoj ne haltas en ĉi tiu stacio. La vaporlokomotivoj rajtas halti nur je speciala loko, kie troviĝas aerkradoj, por ke la fumo ne difuzu en la subtera atmosfero.
En dometo sur kajo ni rigardis personon, kiu funkciigas la ses indikilojn sur la diversaj kajoj per elektra sistemo. Sur lumigitaj ŝildoj antaŭ si li povas ankaŭ vidi la nomon de la stacio de la trajnoj, kiuj troviĝas en tiu tempo en la stacidomo. Montriĝis al ni ke tiu stacidomo posedas ankaŭ specialan kajon kun relparo por 16-minuta ligo kun la flughaveno, kio estas vere unika en Eŭropo.
Per aŭtobuso ni atingis la nordan stacidomon kun la fervoja muzeo. Speciale menciinda estis la parto, kie oni per maketo kaj televidaj bildoj montris al ni la fervojan transporton rilate la industriojn kaj la urbojn.
Schaerbeek, la granda vagonmanovrejo estis nia sekvanta stacio. Oni kunmetas tie la ŝarĝvagonarojn. Unue ni havis rigardon en la lokomotivejo kie nia kolego Roofthooft fiere montris al ni elektran lokomotivon. Kelkaj personoj, inter kiuj ankaŭ la verkinto de ĉi tiu artikolo, grimpis en la maŝinon (mi sufiĉe malmole puŝis mian kapon kontraŭ la supro) por esplori la internan parton. Plue ni vizitis la lernejon por fervojaj elektristoj, la ĥemian laborejon kaj la manovran regadon. Mi rimarkigas ke tiu regadejo estas tre moderne aranĝita per mekanikaj aparatoj.
Tamen ĉar niaj stomakoj jam grumblis pro malpleneco, la grupo malsupreniris la ŝtuparon de la regadejo por iri al la kantino. Ni sidiĝis ĉe longa tablo, kie

ni kiel unu familio ĝuis la supon, la bakitajn terpomojn, la salaton ktp. Dum la agrabla interbabilado ni instruis al kelkaj ne-esperantistoj la unuajn vortojn de nia lingvo. Ili estas konvinkitaj pri la neceso de unu mondlingvo kaj diris, ke ili certe eklernos Esperanton.
Denove en la aŭtobuso ni ĝuis mallongan rondveturon kaj haltis ĉe la tereno, kie antaŭ du jaroj estis la mondekspozicio. Sur parto de tiu tereno geografia karto de Belgio estas bele verkita. La tuto estas ege superrigarda sur speciala ponto, kiu efektive estas parto de modernarta konstruaĵo.
Ree en la centra stacio kolego De Bruyne montris en la salono tri mallongajn filmojn pri la turismo en Belgio. En la sekvinta kunveno sub la eminenta gvidado de la ĵus-menciita kolego ni priparolis la socialajn aspektojn ĉe la fervojo, kiuj ekzistas en diversaj okcident-eŭropaj landoj, speciale rilate la infanzorgadon. En Belgio ekz. estas hejmo de la fervojoj, en kiu la infanoj de fervojistoj povas ferii dum kelkaj semajnoj je malmultaj kostoj.
En la komenco de tiu kunveno diversaj kolegoj transdonis la salutojn de sia sekcio kaj deziris al ni agrablan kunvenon.
La saman elparolis nome de la IFEF-estraro via Jan Poptie

## EL LA SEKCIOJ

### Germanio

Kiu ne konas lin, la ĉiam bonhumoran altkreskan viron kun la akratrajta vizaĝo, la ŝatatan cigaron indiferente tenanta inter la fingroj; kiu vizitas ĉiun IFEF-kongreson kaj kiu neniam mankas en iu GEFA-aranĝo? Li estas nia kara, bona Wilhelm Schuberth el Köln-Nippes, nia neniam laciĝanta membro ekde la fondado de nia Asocio.
Jam kiel 10-jara lernejano li entuziasmiĝis pro la Zamenhofa lingvo, kaj li restis fidela al ĝi malgraŭ la multaj malfacilaĵoj dum la du mondmilitoj. Kaj nun nia jubileulo rigardas returne sur duona jarcento en la servo de Esperanto. Kiom multe da laboro kaj oferemo, seniluziiĝo kaj feliĉiga ĝojo dum tiuj kvindek jaroj. Pro tio ne estas mirige ke la jubileulo restis aktiva propagandisto de nia afero.
Ke nia granda amiko, malgraŭ ĉiuj malprosperoj kiuj mankas en neniu homa vivo, ankoraŭ dum multaj jaroj trovos feliĉon en sia ĉiutaga laboro kaj ke ni havos nian ŝatatan membron Schuberth ankoraŭ dum longa tempo en nia mezo, tion donu Dio!

### GEFA havas novan redaktoron.

Lia adreso estas Gerd Korth, MAINZ, Josefstr. 8.

## AFIŜA KONKURSO DE GEFA

La Germana Esperanta Fervojista Asocio aranĝis dum la lastaj monatoj (vidu LIF n-ron 4/60) afiŝan konkurson celante la faron de varbafiŝo por la interna uzado. Venis 14 kontribuaĵoj el du landoj.
En sia decido la juĝkomitato konstatis ke neniu verko povas ricevi la unuan premion. Anstataŭ tio estas disdonitaj po unu dua premio nome al:

s-ro Winkelhaus el Saarbrücken 20.— gm
s-ro Barnickel el Frankfurt/M 20.— gm.

La premiitaj afiŝoj estis montrataj dum la 4-a jarkunveno de GEFA en Trier je 15/16-X 1960.
Ni dankas al ĉiuj kontribuintoj pro ilia fervora kunlaboro. GEFA

**Prof. Canuto †**

La 29-an de oktobro mortis post kelkmonata malsano, prof. Georgio Canuto, prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio kaj de la Itala Esperanto-Federacio. Al ambaŭ organizoj kaj al S-ino Canuto kaj ŝia filo ni esprimas nian koran kunsenton.

La IFEF-estraro

## LA LEGANTOJ PAROLAS

**Internacia kurssemajno en Vejle Danlando**

Estimata redakcio. Inter la 16-a kaj 23-a de oktobro mi partoprenis kun mia edzino la internacian kurssemajnon en Vejle. Ĉar tiuj aranĝoj estas tre instruaj, mi petas enpresigi ĉi-subajn liniojn en nia organo.

„Laŭ kutime okazis ankaŭ tiun ĉi-aŭtune feriaj kursoj en Vejle, gvidataj de gesinjoroj Friës en Aabyhöj Danlando.

La kursejo estis la Sporta Altlernejo, kiu situas en tre bela regiono en la periferio de la urbo. Le lernejo estas tute nova kaj moderna kun bonaj ĉambroj. Ankaŭ la manĝaĵo estis bona kaj abunda.

En la kursoj partoprenis ĉirkaŭ 50 plenkreskuloj kaj inter ili 5 fervojistoj. En la infankurso partoprenis 20 infanoj. Entute kvar kursoj estis aranĝitaj. La infankurson gvidis s-ro Ole Nederland, Odense laŭ sia nova internacia lernolibro por infanoj: „Tom kaj Tina". La intereso kaj la ĝojo de la infanoj bone montris la taŭgecon de la kurso kaj la instruisto.

La elementan kurson gvidis s-ro Hansen el Aarhus. Konversacian kurson gvidis f-ino Ida Cristensen, Kopenhago, kaj la perfektigan studrondon s-ro Moravec el Flensburg, Germanio.

La lecionoj okazis antaŭtagmeze. Posttagmeze ni faris ekskursojn al la belaj regionoj de Vejle. Vespere estis diskutado, kantado, ludado, filmprezentado, prelegoj ktp. La aranĝoj estis tre bonaj kaj agrablaj, tial mi rekomendas la venontajn aranĝojn al ĉiuj."

Anshelm Eriksson, Kristinehamn, Svedio.

**Alvoko de Belgaj gepatroj**

Itala tagĵurnalo „La Stampo" el Torino aperigis jenan alvokon de belgaj gepatroj:

„Ni havas filinon dekjaran; la malfeliĉulino suferas pro kormalsano, kaj pro tio ŝi ne povas ludi kune kun la najbaraj infanoj. Ŝia nura distro estas kolekti poŝtmarkojn, sed bedaŭrinde nia ekonomia ebleco ne permesas al ni elspezi monon por aĉeti poŝtmarkojn; pro tio ni apelacias al la bonkoraj italoj, ilin petante la bonvolan sendon al nia kara filineto, de iu poŝtmarko aŭ de ilustrita poŝtkarto. La adreso estas: Magda Dermaut, 42 Chaussée de Grammont, Erembodegem, Belgio."

La malfeliĉulino ne petas vestojn monon aŭ juvelojn; ŝi deziras nur iun poŝtmarkon por sin distri kaj forgesi la malsanon.

Ĉu inter la IFEF-anoj estas iu, kiu kuraĝas rifuzi tiun simplan kaj malmultekostan deziron? Se la tasko de Esperanto estas la interfratigo de popoloj, la tasko de la esperantistoj estas helpi la malfeliĉulojn.

Zoratti Angelo (Italio)



## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ

En konversacioj kaj artikoloj oni devas konstati ĉiam denove la samajn principajn erarojn flanke de la esperantistoj mem. Pro tio ni ĉi-sube publikigas kelkajn partojn el la „Fundamenta Principaro de Informado pri la Internacia Lingvo", akceptita de la kunveno pri informado en Frostavallen en aŭgusto 1959. Ni petas ĉiujn niajn membrojn atente observi la sekvantajn punktojn (komparu „Esperanto revuo internacia" n-ro 6/60):

**Ĉefaj eraroj estas:**

a) nomi la lingvon artefarita, helpa, verda k.s. Oni ĉiam nomu ĝin aŭ „La Internacia Lingvo" aŭ „Esperanto".
b) superflue menciadi diversajn projektojn de komuna lingvo;
c) uzi en nacilingvaj tekstoj esperantajn esprimojn, ekz. „samideano", „Majstro" „verdstelanoj" k.s.;
d) skribi pri Esperanto en nekorekta nacia lingvo;
e) nomadi la informadon pri Esperanto „propagando";
f) doni al la Esperanto-Movado sektecan karakteron (tro multe da steloj kaj flagoj, kantado de la himno kaj aliaj kantoj en nekonvenaj tempo kaj loko, strangaĵoj en la vestoj dum kongresoj kaj aliaj publikaj kunvenoj k.s.). La eraroj en la informado malproksimigas de Esperanto dekmilojn da personoj kaj kaŭzis fortan kompromitiĝon de la movado en multaj medioj. Por altigi la kvaliton estas necese akcenti ĉion, kio montras la kulturan kaj praktikan valoron de la lingvo: literaturo, sciencaj verkoj, Internacia Somera Universitato, belarataj konkursoj, delegita reto, precipe helpo dum vojaĝoj kaj en profesia laboro. La digno de ĉiuj publikaj aranĝoj respegulu la respekton, kiun la esperantistoj mem havas por la Internacia Lingvo;
g) la esperantistoj mem estu pli forte konvinkitaj pri la praveco de la propra afero kaj pli kuraĝe argumentu kontraŭ la eraraj prezentoj. Ĉiu esperantisto konstante klopodu larĝigi kaj altigi sian lingvan scion. Ĉiu esperantisto ĉiam portu la Esperantan insignon (ne multajn, sed nur unu).

El la „Bulteno" de GEFA

## NOVA AVENUO ESPERANTO

En la franca departemento Maine-et-Loire jam ekzistas du stratoj nomitaj laŭ Zamenhof, nome en Angers kaj Baugé (urbeto apud la esperantista kulturdomo, la kastelo Grésillon). Nun en la sama departemento la 21-an de aŭgusto oni inaŭguris en tute nova kvartalo de industria urbeto Montreuil-Belfroy apud Angers „Avenuon Esperanto".

el „Heroldo de Esperanto"

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando